6-a Jaro. N-o 11-12 Novembro-Decembro 1927

# INTERNACIA PEDAGOGIA REVUO

Oficiala organo de Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE)

Redaktejo: HANS LUDWIG, Pirna-Posta IV-b (Germanujo)
Administrejo: M. GOLDBERG, Frohburgerstr. 68 p., Leipzig S 3 (Germ.), poŝtĉekkonto Leipzig 20410 — Anoncoj: La linio, 3 mm alta, 6 cm larĝa, kostas 0,30 M.



## Novaj perspektivoj en la instruista Esperanto-movado.

La problemo de mondhelpa lingvo por la naciaj kaj internaciaj instruistaj asocioj ne plu estas apudaĵo, sed pli kaj pli estiĝas aktualaĵo; ĉar la internaciaj instruistaj interrilatoj tiom densiĝas, ke oni forte sentas la malfacilaĵojn de la lingva diverseco:

La Internacio de Instrulaboristoj eldonis broŝuron „La ekonomia kaj morala situacio de la instruisto en tutmondo“ (franclingve) verkitan de M. Boubou-Orléans laŭ lia Esperanto-korespondado. La Internacio ankaŭ nun multe uzas la Esperanto-laboron de Boubou, kiel deklaris la redakcisekretario dum la kunsido de la ekzekutiva komitato en Brüssel. La Internacio okazigas en Leipzig paskon 1928 pedagogian kunvenon proks. 3-tagan kun la temo „La proletaria infano“. Kvankam parolos Angloj, Francoj, Hispanoj, Portugalo, Svedo, Rusoj, Germanoj, tiu kunveno ne estas vere internacia, ĉar ili ne komprenos unu la alian, kaj iliaj paroladoj estos tradukataj nur germanlingven. Ni montru en la kunveno la necesecon kaj la avantaĝojn de mondhelplingvo. Same dum la 5-a kongreso de tiu Internacio, kiu okazos ankaŭ en 1928. La mondhelplingvo estas la A B C de la Internacio. (Henry Barbusse).

Alia internacio, la Mondfederacio de edukasocioj, fondita en San Francisko, havis en 1927 la 2-an kongreson en Toronto-Kanada. Oni akceptis la proponon de la 5-a Komitato, tuj esplori, ĉu internacia helplingvo povas akceli la laborojn kaj la celon de la Federacio. (Raporto en n-o 11-12, 1927 de IPR). Dum la 3-a kongreso, kiu verŝajne okazos en Ĝenevo 1929, oni decidos pri la rezulto de la esploroj. La Esperanto-Instruistaro ĝis tiam montru per sia organizacio, ke Esperanto vivas en la instruistaro. Kaj ĉiu Esperanto-instruisto fortigu TAGE (Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj) atentinda asocio per sia aliĝo.

**La venonta numero aperos la 15-an de Januaro.**

Tria internacio estas fondita paskon 1927 en London: Internacia Federacio de Instruistaj Asocioj. (Raporto pri tio en Internacia Pedagogia Revuo — IPR — 7-8, 1927!) TAGE al ĝi sendis la proponon, permesi por referatoj kaj diskutoj dum la kongresoj kaj por la korespondado Esperanton, interrilati kun IPR kaj kun reprezentanto de TAGE. La 2-a kongreso okazos paskon 1928 en Berlin kaj diskutos pri nia propono. Ju pli forta estos nia asocio, des pli multe oni atentos nian proponon.

La Internacia Laborrondo por Renovigo de l' Edukado aranĝis 1927 la 4-an pedagogian kunvenon en Locarno pri la temo „La senco de la libereco en la edukado". Prezidis prof-o P. Bovet, direktoro de la Internacia Eduka Oficejo-Ĝenevo, kiu ankaŭ gvidis la Packonferencon 1927 en Praha. Ĉar preskaŭ 1200 personoj el 42 landoj partoprenis la kunvenon en Locarno, kiuj ne komprenis unu la alian, oni decidis, dum la venonta kongreso 1929 en Kopenhago-Danujo

**apliki Esperanton!**

TAGE zorge atentos kaj eble subtenos tiun konferencon per samtempa okazigo de TAGE-ĉefkunveno, por forte akceli tiun esperigan kunvenon.

Centro de la tutmonda eduka vivo estas la Internacia Eduka Oficejo (IEO) en Ĝenevo, gvidata de prof. P. Bovet. En Praha ĝi aranĝis la Packonferencon „Paco per lernejo". Tre grava por nia propagando inter la geinstruistaro estas jena juĝo (pri tiu packonferenco) de la ne-esperantista oficiala raportanto prof. D-ro Flusser (en n-o 9 de la kajeroj de la Germana Societo por Morala Edukado en Praha (pĝ. 21): „Unu el la plej impresigaj instruoj, kiujn donis la konferenco, estis la uzado de Esperanto kiel kongreslingvo. Estis surprize, en kiu facileco okazis la interrilato inter la konferencanoj apartenantaj al 16 diversaj nacioj". — 6 membroj de TAGE referatis en tiu konferenco. (Raporto en IPR, n-o 7-8, 1927.)

IEO aranĝis la kunvenon en Locarno kaj sukcesis, ke estis farata la supre menciita decido, apliki Esperanton dum la venonta kongreso en Kopenhago.

IEO invitis la Mondfederacion de Edukasocioj, okazigi ĝian 3-an kongreson en Ĝenevo 1929.

La unua ĝeneralkunveno de IEO rekomendis aranĝi internaciajn pedagogiajn kursojn kaj kunvenojn, ekz. pri bilingvismo ktp., kaj kunvoki 1930 kongreson pri Morala Edukado. (Raporto en n-o 11-12, 1927 de IPR!).

Do en tiuj kunvenoj ni denove havos okazon, diskuti nian Esperantoideon antaŭ internacia, ne-esperantista forumo, ne nur la teknikan de la helplingvo, sed ankaŭ ĝian moralan, edukan valoron.

Okaze de la ĉefkunveno de la Saksa Asocio de Esperanto-Instruistoj la direktoro de IEO instigis nin, vigle subteni la ampleksajn kaj interesajn projektojn de IEO.

**Aŭskultu, Esperanto-instruistoj!**

**Aliĝu al TAGE!**

Por ke nia asocio kapablas plenumi la grandajn taskojn kaj povas influi la aranĝojn de IEO kaj de la aliaj internaciaj asocioj en nia senco. Se ni sukcesas en unu el ili, la aliaj tuj sekvos, kaj la venko de Esperanto estos atingita.

**Ekkonu la situacion!**

**Se vi volas helpi la propagandon —**

Ekkonu en TAGE unu el la plej gravaj propagando-asocioj por Esperanto. En 1927 ni kreskis de 511 ĝis 630 anoj. Tio estas kresko de 21%! Ni atingu la milon en 1928!

M. Goldberg.

## Tage kreskas.

Saksaj, germanaj, bulgaraj, rusaj, ĉeĥoslovakaj, svedaj, nederlandaj, angla kolegoj en 1927 faris viglan propaganda-laboron kaj atingis tre ĝojigan kreskon de nia movado, kiu montriĝas el jena tabelo de la IPR-abonantoj:

| LANDO: | NOMBRO DE ABONANTOJ: | | |
|---|---|---|---|
| | **1927** | 1926 | 1925 |
| Argentinio | — | 1 | 1 |
| Aŭstrio | **6** | 3 | 1 |
| Belgio | **2** | 7 | 6 |
| Britio | **8** | 11 | — |
| Bulgario | **19** | 9 | 10 |
| Ĉeĥoslovakio | **54** | 33 | 28 |
| Ĉinio | — | 1 | 3 |
| Danio | **4** | 2 | 1 |
| Estonio | **7** | 5 | 12 |
| Finnlando | **3** | 2 | 2 |
| Francio | **11** | 15 | 28 |
| Grekio | **1** | 1 | — |
| Hispanio | **4** | — | — |
| Hungario | **1** | 6 | 4 |
| Italio | — | 2 | 5 |
| Japanio | **7** | 6 | 4 |
| Java | **1** | 1 | — |
| Jugoslavio | **6** | 3 | 2 |
| Kanada | **1** | 1 | 3 |
| Latvio | **3** | 2 | 1 |
| Litovio | **8** | 4 | 6 |
| Nederlando | **6** | — | — |
| Norvegio | — | 1 | 1 |
| Nov Zelando | **1** | 1 | 1 |
| Polio | **13** | 9 | 11 |
| Portugalio | **1** | 1 | 1 |
| Palestino | — | 1 | 1 |
| Rusio | **76** | 52 | 41 |
| Svedio | **13** | 3 | 2 |
| Svisio | **5** | 2 | 2 |
| Uruguay | — | 2 | 2 |
| Usono | **1** | 1 | 2 |
| | **262** | 188 | 181 |
| Garmanio | **115** | 98 | 86 |
| Saksio | **264** | 225 | 240 |
| | **641** | 511 | 507 |

Tio estas kresko de 25%!

La plej granda parto de la abonantaro kaj de la kresko venas el Germanio (379), speciale el Saksio (264). Sekvas Rusio (76), Ĉeĥoslovakio (54). Atentinde estas ankaŭ la kresko en Bulgario, Svedio kaj Nederlando. Spe-

cialan zorgemon bezonas Francio kaj Belgio. La internacia situacio, montrita en la artikolo „Novaj Perspektivoj“ necesigas fortan organizadon de la Esperanto-instruistoj ankaŭ en la ne-germanaj landoj. Ankaŭ tie la kolegoj ekkonu la devon aliĝi al la Tutmonda Asocio de Geinstruistoj Esperantistaj (TAGE) kaj helpi per tio plenumi la grandan en tiu situacio tre urĝan propagando-laboron.

De la forto, de la agadkapablo de TAGE grandparte dependos la decido de kelkaj instruistaj asocioj

**pri Esperanto.**

La Saksa Asocio sekve de sia forto kaj aktiveco estis honorata okaze de sia lasta ĉefkunveno per letero de la direktoro de la Internacia Eduka Oficejo — Ĝenevo, kiu alvokis la Saksan Asocion, kunlabori en la ampleksaj projektoj de I E O.

Se en la aliaj landoj TAGE simile kreskas, ni atingos la saman atenton ankaŭ en la instruistaj asocioj. Nia tasko en 1928 estas, rompi la glacion en tiuj landoj. Tiam facile estos eble, superi en 1928 la nombron de 700 abonantoj, eble eĉ proksimiĝi aŭ atingi 800.

Grava sukceso por TAGE en 1927 estis nia ĉefkunveno en la kadro de la Packonferenco en Praha. Rigardu la raportojn pri ambaŭ en n-o 7-8, 1927 de I. P. R.! Por 1928 ni aranĝos ĉefkunvenon eble nur en kadro de Esperanto-kongreso. Sed se ni ekvidas bonan okazon por partopreni internacian instruistan aŭ pedagogian kongreson, ni vokos vin kaj petos vian viglan subtenon. Por 1929 ni projektas okazigi nian ĉefkunvenon en Kopenhago, en kadro de la konferenco de la Internacia Laborrondo por Renovigo de l' Edukado, kiu decidis

**apliki Esperanton**

**dum tiu konferenco,** aŭ en kadro de iu pedagogia internacia konferenco kunvokita de I E O.

En nacilingvaj fakgazetoj oni ofte trovas tre interesajn raportojn pri lernejo kaj instruistaro en eksterlando. Kial la Esperanto-instruistoj el la koncernaj landoj ne tradukas aŭ kompilas el sia fakgazetaro, por sendi materialon al I. P. R.?

I. P. R. ne postulas de vi verkadon de malfacilaj originalaj artikoloj pri pedagogiaj problemoj — tiuj estas akceptataj kun speciala danko, kompreneble — ĝi nur postulas de vi, preni pretan materialon interesan el via nacia fakgazeto kaj traduki aŭ prilabori ĝin por I. P. R. Tio estas facila laboro, plenumebla de ĉiu kolego. Ne nur pasive akceptu la gazeton kiel leganto, sed aktive klopodu pliriĉigi ĝin per via kunlaboro.

Por 1928 devas esti plenumataj du taskoj:

**Plimultigi la anaron de TAGE en ĉiuj landoj,**

**organizi multnombran kunlaborantaron por I. P. R.**

Administracio de I. P. R.

# El „Tutmonda Esperantista Pedagogia Servo".

## La leĝprojekto de la germana regna lernejo-leĝo.

### I. Taskoj, organizformoj kaj karakterizaĵoj de la germana popollernejo.

§ 1. Tasko kaj celo de la germana popollernejo.

1. - Ĉiuj germanaj popollernejoj havas la komunan taskon, klerigi la junularon (plenumantan la lernodevon) per instruado sur la bazo de la germanaj kulturaĵoj, celante korpan kaj spiritan bontaŭgecojn. Subtenante, kompletigante kaj daŭrigante la gepatran edukadon, ili devas igi la gejunulojn morale multvaloraj homoj kaj civitanoj kapablaj kaj pretaj por servi la germanan popolsocieton. — — 2. - Tio ne tuŝas la apartajn taskojn, kiujn la unuopaj lernejaj organizaĵoj (komparu kun § 2) estas plenumontaj laŭ la specialaj ordonoj de tiu leĝo. — — 3. - En ĉiuj popollernejoj oni konsideru, ke la sentoj de alikreduloj ne estas ofendataj.

§ 2. Specoj kaj organizformoj de germana popollernejo.

1. - Ekzistas jenaj specoj de germana popollernejo:

a) la ĉiukonfesia (simultana) popollernejo, vizitota de anoj el ĉiuj kristanaj konfesioj,

b) la konfesia popollernejo, por anoj de unu konfesio religia,

c) la senkonfesia lernejo, laika aŭ mondpercepta lernejoj.

2. Al tiuj lernejaj specoj estas cedataj la liberaj ebloj evoluiĝi interne de la limoj de tiu leĝo, sed ne ignorantaj la konstituciajn ordonojn pri la fundamentlernejo por ĉiuj komuna.

§ 3. La ĉiukonfesia — simultana — popollernejo. (Ne apartigita laŭ la diversaj konfesioj de l' infanaro).

1. - La ĉiukonfesia popollernejo malfermiĝas laŭprincipe al ĉiuj infanoj plenumantaj la lernodevon. — — 2. - Ĝi plenumas la porinstruistan kaj poredukan taskojn de la popollernejo germana sur la religia kaj etika fundamentoj — ne konsiderante la apartecojn de unuopaj konfesioj religiaj kaj mondperceptaj. La valoraĵoj kreskintaj per la kristaneco de la germana kulturo devas esti vivigataj en la instruado kaj edukado. — — 3. - La religia instruado estas oficiala instrufako por ĉiuj klasoj. Ĝi estas farita per apartigado de la diversaj unuopaj kredantaroj. — — 4. - Ĉe la enoficigado de la instruistoj laŭeble estas konsiderenda la kiomo de la unuopaj anaroj konfesiaj kaj mondperceptaj.

§ 4. La konfesia lernejo.

1. - Unua kondiĉo ĉe la organizo de tia lernejo estas la ekzistado de laŭ la civila juro legitimita religiosocieto por la komuna zorgado pri la koncerna religia konfesio. — — 2. - La konfesia lernejo akceptas infanojn de unu konfesio kaj infanojn de parenca konfesio, tamen pro specialaj kaŭzoj ankaŭ alikreduloj povas viziti lernejon. La akcepto de alikreduloj ne aliigas la karakteron de la lernejo, kiel konfesia lernejo. — — 3. - Laŭ la koncerna konfesio la konfesiaj lernejoj estas nomataj: evangelia - katolika - juda - lernejoj. Ili plenumas la porinstruistajn kaj poredukajn taskojn de la germana popollernejo laŭ la kredo, en kiu la infanoj estas edukataj. Instruplanoj, instru- kaj lerno-libroj adaptiĝu al la lerneja individueco. La lerneja

vivo ne difektanta la laŭkonstitucian rajton pri libervola partopreno kulturas la religiajn ceremoniojn kaj ritojn laŭkonfesiajn kaj atentas la laŭkonfesiajn fest- kaj memor-tagojn. — — 4. - La religia instruado estas oficiala instrufako por ĉiuj klasoj. — — 5. - La konfesia lernejo enoficigu kiel plenrangajn instruistojn nur instruistojn de la konfesio, kiun havas la infanoj, aŭ de parenca konfesio. Nedaŭra enoficigo de aliaj pro specialaj kaŭzoj ne estas malpermesita. — — 6. - Pro la religia instruado por iu malplimulto konfesia povas esti enoficigata instruisto de la koncerna konfesio, se ne eblas organizi la instruadon alie. Tia instruisto povas fari ankaŭ alian instruadon. — — 7. - La instruistoj en la tiel nomataj teknikaj fakoj (gimnastiko, desegno, kukril- kaj metilaboroj) ne enoficiĝas laŭ sia religia kredo. — — 8. - Konfesioj estas parencaj, se iliaj aŭtoritatoj superaj atestas tion.

§ 5. La senkofesia — laika aŭ mondpercepta — lernejo.

1. - La senkonfesia lernejo estas destinata por infanoj ne apartenantaj al iu kredantaro religia aŭ laŭ decido de la edukrajtantoj forigitaj de la religia instruado kaj ne edukotaj de simultana aŭ konfesia lernejoj. Tamen ĝi malfermiĝas pro specialaj kaŭzoj ankaŭ por aliaj infanoj. Lernejo akceptanta tiajn infanojn restas senkonfesia lernejo. — — 2. - Ĝi plenumas la porinstruistajn kaj poredukajn taskojn de la germana popollernejo sur ĝenerale etika bazo sen esti devigata plenumi iujn devojn al religia aŭ mondpercepta societoj. Religia instruo ne estas farata. — — 3. - La senkonfesia lernejo havu kiel oficialan instrufakon instruon pri iu monpercepto kaj atentu tiun mondpercepton ankaŭ en la aliaj instrufakoj, se pro la kulturado de tiu mondpercepto ekzistas societo kun la rajtoj konstitucie garantiitaj al ĉiuj societoj laŭ la civila juro legitimitaj kaj se du trionoj de la infanaro vizitantaj la lernejon proponas tiun instruadon. — — 4. - Neniu infano povas esti devigata kontraŭ la volo de la edukrajtantoj partopreni tiun instruon. — — 5. - La senkonfesia lernejo povas enoficigi anojn de ĉiu konfesio kaj senkonfesiulojn kiel instruistojn. Instruistoj rajtigitaj ofici en la konfesia lernejo ne estu enoficigitaj de senkonfesia lernejo kontraŭ sia volo. Pro specialaj kaŭzoj ĉe nedaŭra oficado esceptoj estas permesataj. Se la lernejo havas speciale mondperceptan karakteron, ĝi laŭeble atentu tion ĉe la enoficigo de la instruistoj.

II. Aranĝo kaj aliiĝo de la lernejaj organizformoj.

§ 7. 1. - Interne de komunumo ĉiu germana regnano, kiu havas por prizorgi iun infanon devigatan al lernejo kaj ĝin vizitantan, rajtas proponi organizadon de laŭleĝa lernejoformo aŭ transformadon de iu lerneja organ izoformo al alia. La rajto interrompiĝas, kiam la proponrajtanto laŭ la civila juro ne aŭ nur parte rajtas fari negocojn aŭ civilrajte degradiĝas. — — 2. - Se la gepatroj havas la devon prizorgi infanon, sufiĉas propono de unu el ambaŭ, escepte se alia eksplicite (klare) esprimas sian kontraŭon. En tiu okazo oni devas proponi la peradon aŭ dicidon de kuratora juĝistaro, kiu decidas la aferon laŭ leĝo pri religia infanedukado (de 1921). — — 3. - La ordonoj de la menciita leĝo validas decidige, se malakordas la opinioj unuflanke de la kunrajtigitoj kuratoro aŭ zorganto. — — 4. - La federaciŝtatoj rajtas ĉe apartaj kazoj rajtigi ankaŭ neregnanojn pri proponado. — — 5. - Ĉiu havas la proponrajtojn interne de la komunumo, kie la infano vizitas la lernejon. — — 6. - La federaciŝtata leĝdonado povas fari ordonojn, laŭ kiuj la proponrajto estas transdonita al la estroj de edukinstitucioj kaj al tiuj personoj, kiuj prizorgas fremdajn infanojn.

§ 8. Unuaj kondiĉoj ĉe la proponado.
Propono povas esti farata de la edukrajtanoj de minimume 40 infanoj lerndevigitaj. Detala ordonado de federaciana leĝo povas nuligi tiun ordonon en la kazo, ke en komunumo ekzistas malplimulte ol 200 lerndevigitaj infanoj.

§ 9. Plenumado de la propono al organizo de popollernejoj, laŭleĝe organizotaj.
1 - Laŭleĝe farita propono devas esti plenumata, se la proponita lerneja organizaĵo ne aŭ en ne sufiĉa nombro en la komunumo troviĝas aŭ se la organizota lernejo garantias laŭordan — ankaŭ en la senco de la konstitucileĝaj ordonoj — lernejan praktikon. — — 2. - Laŭorda lerneja praktiko estas garantiita, - a) se la lernejo aŭ organizo kaj nombro de la de la klasoj ne restas sub la minimuma organizgrado en la koncerna komunumo la 1-an de Januaro 1927 leĝe permesita, - b) se la lernejaj klerigceloj, starigitaj en § 1 povas esti atingitaj. En apartaj kazoj pro la protekto de malplimultaj edukrajtantaroj, esceptoj de la ordono sub la litero a) povas esti permesitaj post detala ordonado.

§ 10. Plenumo de propono pri transformado de lernejaj organizformoj.
Laŭleĝe farita propono pri transformado de iu lernejo al alia organizformo estas plenumenda, se la edukrajtantoj de minimume du trionoj de la lernejanoj konsentas tion.

§ 11. Protesto kontraŭ la decidoj.
1. - Kontraŭ la decido pri iu propono povas esti farata protesto per proceso ĉe la administro-juĝistaro post detala ordonado federacianleĝa. — — 3. - Plendo pri nuligo de decido administracijuĝistara estas farota ĉe la regna administro-juĝistaro laŭ aparta regnoleĝo. Ĝis la apero de tiu leĝo la superaj administro-juĝistaroj de la federaciŝtatoj faras la lastan nenuligeblan decidon.

§ 12. Kiamo de la proponado.
1. - Proponoj povas esti farataj ĉiutempe. — — 2. - Laŭleĝe malakceptita propono povas esti ripetata plej frue post tri jaroj, escepte se la konsisto de la komunumo grandskale estas aliiĝinta.

III. Lernejaj kontrolado kaj administrado.

§ 13. Lerneja inspektado.
1. - La ŝtato faras la kontrolon de ĉiuj popollernejoj. — — 2. - Ĉe la enoficigado de la plenrangaj fakinstruistaj lernej-inspektoroj la organizformoj de la kontrolotaj lernejoj estas atentendaj. — — 3. - En la lokaj lernejaj aŭtoritatoj, al kiuj lernejoj kun religia instruado kiel oficiala instrufako subiĝas, po unu reprezentanto de la koncerna religia societo (evangelia, katolika pastroj, rabeno) havu lokon kaj voĉdonrajton. — — 4. - La lerneja administra aŭtoritato vokas la reprezentanton de la religia societo post propono de la koncerna societo. — — 5. - Se ekzistas en komunumo iu mondpercepta lernejo, la samo okazas rilate al la mondpercepta societo.

IV. La religia instruo en la popollernejoj.

§ 14. 1. - La religia instruado estas farata de ano de la koncerna religia societo konforme al ĝiaj principoj, sed la ŝtato havas la kontrolrajton. Al parenckonfesiuloj ne estas malpermesite, fari la instruon pri religio. — —

2. - En la simultanaj kaj konfesiaj lernejoj religia instruado por la malplimultoj laŭkonfesiaj estas organizenda kiel oficiala instrufako, se meznombre minimume dek infanoj partoprenantaj la instruon estas en la lernejo. 3. - La ordonoj pri instruplano, instru- kaj lernolibroj estas farotaj en interkonsento kun la religiaj societoj. Tiuj kunagas ankaŭ ĉe la fiksado de la nombro de la ĉiusemajnaj lecionoj destinataj por la religia instruo.

§ 15. Privata religia instruado.

1. - Se en simultana aŭ konfesia lernejoj religio-instruado por la laŭkonfesia malplimulto ne povas esti farata pro la tro malgranda nombro da partoprenantoj, lernejaj ĉambroj inkluzive de hejtado kaj lumigado senpage estas disponebligendaj, por ebligi privatan religian instruon laŭ deziro de la edukrajtantoj. La federaciana leĝo ordonos la pluajn kondiĉojn kaj la amplekson de la disponigo. — — 2. - Laŭ deziro de la edukrajtantoj sammaniere estas ebligenda privata religia instruado por infanoj aniĝantaj al iu konfesio sed vizitantaj la senkonfesian lernejon, escepte se interne de la komunumo estas eble viziti la religian instruon al la koncerna kredantaro en simultana aŭ konfesia lernejoj.

§ 16. Informiĝo pri la religia instruo.

Pro informiĝo pri la religia instruo la ŝtato instalas spertajn komisiitojn pri la lerneja aferaro, kiuj estas proponataj de la religia societo. La superaj aŭtoritatoj prireligiaj havu okazon, por konvinkiĝi, ĉu la religia instruo estas farata konforme al la principoj de la religia societo.

V. Forigaj rimedoj.

§ 17. Kontraŭ decidoj aŭtoritataj, kiuj tuŝas la rajtojn laŭkonstitucie aŭ laŭ tiu leĝo donitajn al la edukrajtantoj, plendo pri nuligo ĉe administrojuĝistaro povas esti farata post detala ordonado federacianleĝa·

VI. Provizoraj kaj finaj ordonoj.

§ 18. Karaktero de l' ekzistantaj lernej-organizaĵoj.

1. - Ĉe validiĝo de tiu leĝo ekzistantoj laŭkonfesiaj ne apartigitaj lernejoj kun religia instruado estas rigardendaj kiel simultanaj en la senco de tiu leĝo (§ 3). — — 2. - Ĉe validiĝo de tiu leĝo ekzistantaj evangeliaj, katolikaj kaj judaj popollernejoj estas rigardendaj kiel konfesiaj lernejoj en la senco de tiu leĝo (§ 5). — — 3. - Ĉiuj ĉe validiĝo de tiu leĝo ekzistantaj lernejoj estas rigardendaj laŭ sia organiza formo proponitaj en la senco de § 7, se ne estas farataj laŭleĝaj proponoj al transformado en alian lernejan organizaĵon. — — 4. - Ĉe validiĝo de tiu leĝo la ekzistantaj lernejoj sen religia instruado estas rigardendaj kiel senkonfesiaj lernejoj en la senco de tiu leĝo. — — 5. - La ekzistantaj lernejoj devas esti konformigataj senprokraste al la ordonoj de §§ 3 – 5, se ili ankoraŭ malkonformiĝas al ili.

§ 19. Plenumo de la leĝo (lasta tempolimo).

La federacianoj (la ŝtatoj, membroj de la germana ŝtata federacio) donu la ordonojn por la plenumado de tiu leĝo necesajn tiom ĝustatempe, ke la leĝo plej malfrue de la tria jaro post la publikigado povas ekesti efektivigata.

§ 20. Regnaj regionoj laŭkonstitucie aparte atentendaj.

1. - En la federacianaj ŝtatoj Badeno kaj Heslando kaj en la iama duklando Heslando-Nasovio la leĝo validos nur de la sesa jaro post sia publikigo. — 2. - En tiuj regionoj la permeso de esceptoj rilate al la § 10, 2 (laŭorda lerneja praktiko) estas cedota al la federaciana leĝdonado dum 5 pliaj jaroj.

12-an de Septembro 1927. Schneller — Leipzig.

Kontraŭ ĉi tiu leĝprojekto de la germana regna lernejo-leĝo jam protestis tre multaj germanaj aŭtoritatuloj — famaj artistoj (poetoj kaj muzikverkistoj ktp) kaj scienculoj, grandaj pedagogiaj, instruistaj kaj aliaj asocioj, eĉ famekonataj pastroj, oni povas diri, ĉiuj germanuloj, kiuj pli ŝatas unuecan, en si fortan, germanan lernejaron, el kiu rezultos certaj sukcesoj ol religian aŭ politikan (?) fanatikecon, kiu pli volante detruas la bazon por harmonia estonta popolvivo pro institucio, kiu mem ne plu kapablas, sukcese daŭrigi sian influon en la tuta popolo. Ĉiuj kunlaboru je la sukceso de la protesto kontraŭ tiun malaprobindan leĝprojekton. Red.

# Internacia Eduka Oficejo-Genevo.

## I) 1-a Ĝeneralkunveno. 1927.

Ĉar TAGE estas membro de IPO, ni partoprenis la ĝeneralkunvenon. S-ino Oumansky - Ĝenevo salutis la kunvenon per jena parolado:

„Mi havas la plezuron, reprezenti la esperantan pedagogian organizaĵon TAGE, je kies nomo mi salutas vin kaj deziras sukcesplenan laboron. Post kiam mi aŭdis diversajn raportojn pri la stato de IEO, post kiam mi dum tiuj du labortagoj konatiĝis detale kun tiu vasta programo, kiun proponas, efektivigi la I. E. O.-programon, kiu postulos ne nur kunlaboron sciencan, pedagogian kaj instruistan, sed ankaŭ financajn eblojn — mi permesas al mi, je la nomo de nia esperanta institucio TAGE esprimi la deziron por malpliigi la grandajnelspezojn de tradukadoj de bultenoj en tri lingvojn, uzadi la internacian lingvon Esperanto por tiu celo, kaj tiamaniere IEO ŝparos tempon kaj monon. Ĉar la tradukado de ĉiuj aperontaj bultenoj estas uzo de sola lingvo Esperanto. Kaj mi esperas, ke la proksima kunveno de IEO jam estos preta, plenumi tian laboron, alkurinte al helpo de sola internacia lingvo Esperanto".

La prezidanto dankis kaj rimarkis, ke nia propono estos komunikata al Konsilo de Administrantoj (Conseil d' administration).

Oni okupiĝis multe pri la diskutado de eltrovo de monrimedoj por la daŭrigo de granda laboro de IEO. Tiusence faris raporton la sekretariino M. Butts, montrinte ke la ĝisnunaj financaj fortetoj ne sufiĉas por plenumi la komplikan laboron de IEO, precipe se oni devas traduki ĉiun dokumenton trilingve; necesas loko, oficistoj, ĉar unu ĉambro, kiun disponas nun IEO, kaj du aŭ tri oficistoj — ne sufiĉas por tiu laborego. La diskutoj pri financa flanko de la entrepreno forprenis longan tempon.

Rezolucioj: S-roj Migone kaj Bossello proponas organizi en 1928 dumsomerajn kursojn speciale por edukistoj en la senco de rekomendo de subkomitato de ekspertoj de Intelekta Kooperacio (Coopération intellectuelle). Unuanime akceptita s-ino Radzinska proponas a) organizi konstantan kooperadon de ĉiuj pedagogiaj internacioj instruistaj de edukado, por alveni al federativo de institucioj, b) sugesti al ĉiuj landoj, organizi naciajn centrojn de IEO kaj unuigi tiucele societojn, entreprenojn ktp., kiuj okupiĝas pri edukado.

S-ro Bovet resumas indikante la direktivojn donitajn al I E O dum tiuj du labortagoj:

1. Daŭrigi la interrilatojn de kunlaborado de internaciaj asocioj de edukado.
2. Disvastigi la demandaron de s-ro Gould, priatenti speciale la organizon de kongreso de Vorld Fédération en 1929 kaj de morala eduko en 1930.
3. Trovi monrimedojn, por aperigi revuon almenaŭ en du lingvoj.
4. Starigi ĉu per korespondado ĉu per konferenco planon de statistiko lerneja. Publikigi monografiojn pri edukado en certaj landoj.
5. Agado per kursoj kaj konferencoj.
6. Eventuala renkonto en aliaj landoj: ekz. konferencoj pri bilingvismo (du lingvoj: gepatra kaj fremda).
7. Organizo de komisio por studi la demandon de materialo.

La kunvenon partoprenis ĉirkaŭ 50 personoj, plejparte pedagogoj; aliĝis al tiu kunveno 46. diversaj naciaj kaj internaciaj asocioj.

Tre interesa estis la prelego de s-ro Gould, sekretario de la Ligo de Morala Edukado. Laŭ mi ĝi estis la n a j l o de la kunveno.

„La moralaj taskoj de l' Internacia Oficejo de Eduko". — S-ro Gould esprimas bedaŭron pri manko de imago-kreo aŭ imago-kapablo, rimarkata en la tuta mondo kaj rilatanta al la edukistoj de ĉiuj landoj Li insistas pri la neceso de spirita unueco, sintezo, estranta ĉiun homan agadon. Tiu ĉi sintezo estas principe necesa al Internacia Oficejo de Eduko. Por realigi-tion, la raportanto proponas al la Oficejo, sendi ĉiujare demandaron al edukistoj de ĉiuj landoj. Tiu ĉi demandaro celas duoblan taskon: 1-fari al edukistoj specon de ekzameno de konscienco. 2. Amasigi utilajn sciigojn por I E O.

El dekunu punktoj de projektata demandaro s-ro Gould elektas kvar, kiujn li detale analizas. 1. Li sugestas al edukisto doni klaran ideon de religia movado en sia lando, ekster ĉiu dogmo, per la parabloj, legendoj, poemoj ktp. La I E O povus kolekti interesan materialon tiurilate kiu influos la infanaron. Tiun sperton faris sukcesplene s-ro Gould en Indio, uzante moralajn rakontojn por naskigi la ideon de religio. — 2. Kio estas farita ĝis nun por prezenti la historion de lando larĝvide kaj morale, la geografion, historion de artoj, de metioj, de sciencoj de leĝaro, de politika disvolvo, de laboro, de feminista movado eduka, religia, socia ktp.? Ĉu oni posedas biografiojn de rimarkindaj eminentuloj kapablaj inspiri la junularon? Kiamezure estas disvastigita la amikeco internacia inter la junularo? S-ro Gould konsideras la militon kiel lecionon, el kiu estas elĉerpindaj agoj de kuraĝo; la paco per si mem ne estas idealo, ĉar la vivo estas konstanta disvolvo de energio por lukti kaj venki. (Do milito estas idealo? N. O.) — 3. Kiaj estas la penadoj por interesigi la gejunulojn pri ekonomio socia kaj civitana, por enradikigi la ideojn de kooperativismo en industrio, interhelpo socia? Kiamaniere oni prezentas al la infanoj la historion de financoj kaj komerco? — 4. Kio estas farata por instrui la infanojn pri la beleco, por igi ilin, ŝati la artojn, historion, geografion ktp.? La homo havas bezonon de beleco kaj en la lernejo kiel en la sfero familia la beleco devas trovi sian esprimon — „Ni volas prepari la gejunulojn de la tuta mondo por la servado al Hodiaŭ, por kreskado aŭ konstruado de Morgaŭ pli perfekta kaj ni volas, ke en tiu senco ili kooperu kun ĉiuj popoloj kaj ĉiuj rasoj. Sed nia laboro ne povas esti utila al plenumo de tiu tasko, se ni ignoras la jam plenumitan laboron de edukistoj en ĉiuj partoj de la mondo. Kaj tiurilate ni serĉu la ideojn de izolitaj pioniroj, kiuj enkondukas novajn planojn kaj novajn metodojn. Por ennaskigi ideon pri religio ni devas in-

terrilati tute senpartie kun Budistoj, Konfucianistoj, Muselmanoj, Hebreoj, Protestantoj, Katolikoj ktp., por ricevi de ili informojn pri la maniero, en kiu ili prezentas al la junularo la ideon pri religio, pedagogio konforme al nuntempaj postuloj."

Por la studo de historio s-ro Gould depost la jaro 1896 kolektis pli ol tri mil anekdotojn pri historio, vojaĝoj, biografio, folkloro, la sanktaj libroj de l' Oriento, kaj en sia broŝuro: „Kiel prezenti historion al la junularo" li esprimis deziron, ke en diversaj landoj oni rakontu pri la vivo de kamparanoj, de ministoj, de maristoj ktp. por la komprenigo de la socia vivo.

Por enradikigi la ideon de kooperativismo kaj socia interhelpo la edukistoj devas uzi ekzistantajn librojn kaj lernolibrojn, el kiuj la lernantoj ĉerpas la moralajn meritojn de popolo, lando aŭ entrepreno socia. Simila lernolibro ekzistas franclingve. S-ro Gould citas la grandan laboron de angla profesoro F. H. Hayward, por veki la instinkton de estetiko. Li preparis artistan solenadon, en kiu la muziko kaj poezio unuiĝas en paroladoj por honoro de famaj eminentuloj (Molière, Saint-Paul) aŭ tutmondaj idealoj (Paco). Same skotlanda profesoro Patrick Geddes faris en 1912 kun helpo de kelkaj studentoj de Edinburg serion da bildoj — dramaj temoj — kiuj prezentis la evoluadon intelektan kaj moralan en diversaj epokoj: Malnovaĝa, mez-aĝa, Renaissance (Renesanco) kaj en modernaj tempoj; tiuj scenoj povas esti prezentataj en ĉiuj landoj.

S-ro Gould trovas, ke la estetiko ankaŭ rilatas la instruo de lingvoj, kaj tiurilate li konsilas la uzadon de plej moralaj kaj plej noblaj esprimoj, bildoj: patro, patrino, paco, kompato, kuraĝo, ĝojo kip., ktp.

La devo de IEO estas, helpi al edukistoj kaj gepatroj per la dokumentaro, broŝuroj, lernolibroj kaj instigo studi la grandajn influojn, kiuj agas favore aŭ malfavore por la individuo, komunumo, la grandajn kontraŭagojn, kiuj post ili sekvas, influon de medio socia, kultura, ekonomia, influon de heredeco, de la nova libereco, de estetikaj sopiroj ktp. Tiu vasta tasko alkondukas nin laŭ s-ro Gould al la preparo de geinstruistoj, de kuna instruado kaj de multaj aliaj tre komplikaj problemoj; kaj tiusence la plej grava tasko de IEO estas ne la dokumentaro, sed la instigo.

N. Oumansky.

Ni TAGE-anoj ne nur prenu la profiton el la laboroj de IEO, sed ankaŭ subtenu ĝin per nia persona aliĝo (kotizo 5 svis. fr.). La administrejo de I. P. R. volonte akceptas kaj peras vian aliĝon kaj kotizon. Ne forgesu aŭ malatentu tiun nian devon kontraŭ IEO! M. G.

## Mondfederacio de Edukaj Asocioj.

Toronto, Kanada, 7.—12. Aŭgusto 1927.

„Kion povas fari edukado por akiri mondpacon?" estis la plej grava kaj plej elstara demando ĉe la kunsidoj de la Mondfederacio de Edukaj Asocioj en Toronto, la 7-an ĝis 12-an de Aŭgusto. Ĉeestis 7500 personoj, el kiuj 5000 alvenis de malproksime. Estis reprezentantoj el multaj diversaj landoj, kaj la internacia sento disvolvigita estis elkora kaj sincera.

Dum du ĝis tri tagoj sidis samtempe 20 ĝis 23 fakoj, pristudantaj diversajn temojn.

Krom la fakaj kunsidoj estis ankaŭ plenaj kunsidoj, kie oni pridiskutis pli ĝeneralajn temojn. Ĉe la vesperkunsido de la unua tago faris bonven-

antajn paroladojn la Ĉefministro de la provinco Ontario, la prezidanto de la universitato de Toronto, la prezidanto de la Kanada Federacio de instruistoj kaj oficiala reprezentanto de la provinco Quebec. Respondis reprezentantoj de Anglujo, Usono, Germanujo kaj Ĉinujo. D-ro Tacke el Stettin reprezentanta Germanujon, estis entuziasme salutata, kiam li parolis pri la nova sento en sia lando kaj de la deziro de la germanaj instruistoj, kunlabori kun aliaj landoj por la bonfarto de la mondo. D-ro Wei portis salutojn de la Ĉina Asocio por la antaŭenigo de Edukado kaj de la nacista registaro de Ĉinujo.

Ĉe aliaj kunsidoj la ĉeestantaro ricevis komunikaĵojn el Japanlando, Hindujo, Danmarko, Greklando, Meksiko, Bulgarlando, Persio, Ĉeĥoslovakio, Hungarlando, Pollando ktp.

La elstara okazo de la kongreso estis la raportoj de la „Herman-Jordan"-komitatoj. Ankaŭ kelktempe s-ro Rafael Herman-Washington proponis grandan premion por la plej bonaj sugestioj de metodoj por akiri internacian pacon. La premion gajnis D-ro David Starr Jordan de Kalifornio (prezidanto de Stanford Universitato), kiu proponis la studon de kvin flankoj de la problemo per kvin komitatoj. La federacio alprenis la aferon kaj elektis la komitatojn, kiuj do estis nomitaj la „Herman-Jordan"-komitatoj. Antaŭ la Toronta kunveno faris la komitatoj multajn enketojn, kaj ĉe la kongreso ili okazigis kunvenojn, en kiuj iliaj proponotaj rezolucioj estis pridiskutataj. En la plenaj kunsidoj de la kongreso la rezolucioj estis prezentataj kaj plejparte akceptataj, kaj la komitatoj estis daŭrigataj por plua agado.

La komitatoj estas jenaj:

1. Edukado por paco. — Estro: D-ro P. W. Kuo, Nanking, Ĉinujo.
2. Internaciaj Atletaj Sportoj. — Estro; S-ro Daniel Chase, Novjorko.
3. Militista Instruado. — Estro: S-ro E. J. Sainsbury, Thames Dilton, Anglujo.
4. Instruado de historio. — Estrino: D-ino Laura Ulrich, Winnetka, Ill. Usono.
5. Ĝenerala aparato por internacia kunagado. — Estrino: D-ino A. E. Marty, Toronto, Kanada.

Komitato 1 faris enketon pri grandnombraj jam estantaj organizaĵoj por mondpaco kaj rekomendis centran oficon, por ilin kunordigi kaj diversmaniere servi.

Komitato 2 raportis pri internaciaj sportaj kunvenoj kaj ilia laŭdinda efiko. Kiam tiu ĉi raporto estis ricevita, la prezidanto rimarkis, ke, se estas sangoguto komuna al homaro, ĝi estas la „sportsango", t. e. nia admiro por la bona sportisto, ĉu li estas kun ni, ĉu kontraŭ ni.

Parenteze mi diru, ke tiu rimarko estis bone ilustrita en nia urbo ne longe post la kongreso, kiam germano venkis en la naĝa mondkonkuro kaj la Kanadanoj laŭte aplaŭdis sian estintan malamikon. (Komparu la kontraŭan opinion: Se ne speciale estas flegata la volo kontraŭ milito, por paca interkompreniĝo, la sporto ne povas forigi la naciecan, eĉ ŝovinisman sentadon. Oni montras estimon kontraŭ la sporta heroeco de la „estinta malamiko", sed nacian entuziasmon kontraŭ la samnaciano. Sportaj agoj ofte estas akompanataj aŭ eĉ instigataj de naciecaj sentoj. Rigardu la nacian konkuron inter Kapitano Scott kaj Amundsen pro ektrovo de Sudpoluso, dum kiu Scott suferis heroan morton kun siaj akompanantoj. Kaj rigardu la nacian konkuron inter la aviadistoj. Sporto en lia nuda esenco ne celas la internan, pacaman rilaton inter la popoloj, sed celas la pli altan kapablon, la superecon, la venkon. En tiu senco ankaŭ la milito povas esti konsiderata kiel sporto. — Goldberg.)

Komitato 3 pristudis armilaron kaj militan pretecon kaj militistan instruadon por junuloj. Ĝi prezentis rekomendaron pri la afero, sed estis tre malfacile trovi formulon, akceptindan al ĉiuj, pri militista preparado en lernejoj. Do la afero prokrastiĝis ĝis la venonta kunveno post du jaroj. (Pri tiu punkto „Edukado al militista disciplino kaj batalpreteco" raportas Leipziger Lehrerzeitung — Leipz. Instruista Gazeto — n-o. 34, pĝ. 803: „Tiu tagorda materio efikis kvazaŭ kiel bato en formikejon. La demando estigis ventegon de indigno kaj malaperis post akcepto de jena partrezolucio: „La kongreso decidas kondamni ĉiun militarisme influitan edukadon, kiu havas devigan karakteron por ĉiuj gejunuloj sub 18 jaroj". La malakcepton de ĉiu eduko en militarisma senco la amikoj de vera popolrepaciĝo dankas al la pledanto en tiuj diskutoj, al la angla kolego Sainsbury". — Goldberg.)

Komitato 4 raportis pri agadoj en diversaj mondpartoj por akiri lernolibrojn de historio, el la internacia vidpunkto skribitajn. Ĝi rekomendis pluan klopodon tiurilate.

Komitato 5 rekomendis instruadon en internacia civiteco kaj aliaj similaj temoj. Ĝi ankaŭ faris rekomendon interesan al la legantoj de tiu ĉi gazeto, tuŝantan la problemon de internacia lingvo. Ĝi estis jene:

„Ĉar la disvastigita uzo de simpla, facile lernebla kaj adaptebla helplingvo multe faciligus homajn kontaktojn tra la mondo, kaj per ĝia neŭtraleco malpligrandigus la malfidon kaj suspekton, kiuj ofte kondukas al milito,

ĉar la internaciaj lingvoj urĝe estas bezonataj kiel lingva ligilo inter la nacioj kaj ŝajne trovis iom da sukcesa uzo,

do tiu ĉi komitato rekomendas al la delegita kunveno kaj aŭtoritatuloj de la federacio, ke oni senprokraste faru paŝojn, por starigi komisionon, kiu enketu la internaciajn lingvojn, speciale rilate al ilia praktikeco por la celoj de tiu ĉi federacio".

La prezidanto de la Esperanto-Asocio de Norda Ameriko, s-ro H. W. Hetzel de Philadelphia, ĉeestis kaj parolis pri Esperanto en kelkaj kunsidoj. Estis ankaŭ Esperanto-ekspozicio ĉe la kongreso, sed malfeliĉe ĝi estis en konstruaĵo malofte vizitata, do estis vidata nur de malgranda nombro. La Torontaj ĵurnaloj enpresis kelkajn artikoletojn pri Esperanto, kiuj helpas la propagandon tie ĉi, kie nia kara lingvo progresas nur malrapide. La loka grupo kunvenis speciale, por renkonti s-ron Hetzel, kiu vigligis la ĉeestantaron kun sia bone konata entuziasmo.

Rimarkindaj estis la amuzaĵoj de la kongreso. La duan vesperon prezentiĝis en la plej granda konstruaĵo de la Kanada nacio-ekspozicio spektaklo, nomita „La koro de la mondo". Partoprenis 1400 personoj, kaj la ĉeestantaro nombriĝis preskaŭ 10 000. Ĝi estis muzika kaj multkolora prezentado de la ebleco de edukado, por akiri la mondpacon. Alian vesperon samloke la ĥoro de la Kanada nacia ekspozicio donis koncerton, nombranta 2200 voĉojn. La tria tago de la kongreso estis ekskurstago. Fremdlandaj delegitoj vizitis Niagara Falls kaj aliaj delegitoj veturis al la Ontario Agrikultura Kolegio en Guelph, ambaŭokaze kiel gastoj de la registaro de Ontario. La sekvintan tagon estis ĝardenfesto ĉe la Toronta Artgalerio.

Kiam alvenis la devo disiri, aŭdiĝis multaj esprimoj de bedaŭro, sed super ĉio estis sento de dankemeco por la okazo, konatiĝi kun tiom da personoj el diversaj mondpartoj, ĉiu regata de la sama idealo kaj klopodanta al la sama celo, la nova sento de la granda ronda familio.

Elven J. Bengough - Toronto.

## Jara ĉefkunveno de Esperanto-Asocio de Saksaj Geinstruistoj

okazis 30. X. 27 en Freiberg dum la Saksa Esperanto-Ligo-Tago. Post salutvortoj de labora juĝistara direktoro Feder-Chemnitz, supera inspektoro Hoffmann-Freiberg, supera studdirektoro D-ro Bergmann (Fr-a. gimnazio), supera lerneja konsilano D-ro Kraner tre elokvente en Esperanto alportis kiel oficiala delegito salutojn kaj dezirojn de la ministerio por popolklerigo, kiu treege interesiĝas pri la mondlingvo kaj pri la tuta movado, tiel, ke ĝi eĉ finance subvencias la Esperanto-instruistaron. La direktoro de la Germana Esperanto-Instituto, supera studdirektoro prof. D-ro Dietterle, Leipzig, parolis je en la nomo de l' Instituto. La direktoro de l' Internacia Eduka Oficejo en Ĝenevo, prof. D-ro Pierre Bovet sendis salutleteron. Oni sendis dankadreson al li kaj decidis la aliĝon por 1928. Al la Esperanto-Asocio de Polaj Instruistoj oni sendis salutleteron okaze ĝia samtempa ĉefkunveno. La jara raporto montris, ke la nuna prezidanto s-ro Hahn-Gohlis, treege laboras kaj favorege laŭ tute modernaj principoj. Pli ol 2600 elirintaj skribaĵoj kaj 50-procenta kreskado de la nombro da anoj pruvas tion. Per paroladoj en multe da distriktaj instruistaj unuiĝoj oni kreskigis la intereson inter la instruistaro. En multajn lernejojn oni denove enkondukis Esp.-instruadon; s-ro Schneller parolis tre varmajn kaj honorigajn vortojn al la prezidanto. Post kontentiga kasa raporto parolis tre impresige s-ro Goldberg-Leipzig pri sia temo: Novaj principoj por la Esp.-instruista movado. La nuna estraro ree estis elektata. Kiel labora komisio funkcios s-roj Klemm, Schneller, Schröder. Oni esprimis dankon al la redakcio de I. P. R. kaj la deziron, ke faka gazeto ĉiam estu senpartia, senpolitika, neŭtrala. La impreso de la kunveno entute estis jena: Nia movado kreskadas, nia afero marŝas obstine antaŭen, nia ideo venkos.

Max Sykora, 2-a. prezidanto.

## Unua kongreso francianda esperantista universitata federacio.

(Toulouse, 27.—30. Decembro 1927.)

La tagordo ankaŭ pritraktos la projekton de internacia universitata konferenco esperantista kaj la interrilatojn kun TAGE. La universitatanoj de TAGE petu la tagordon kaj interrilatu kun Ch. Despeyroux, 15 quai Claude-Bernard, Lyon.

## Granda perspektivo ĉe scienco.

Ĉefadministraro de Sciencaj Institucioj en RSFSR (Ĉefscienco) proponis al Instituto de Kompara Historio de Orientaj kaj Okcidentaj Lingvoj kaj literaturoj (ĉe Leningrada Universitato) esplori kaj solvi problemon de helplingvo internacia.

Laŭ peto de la Ĉefscienco-delegito de Internacia Scienca Asocio Esperantisto S. Poniŝevski raportos pri Esperanto al la nomita instituto.

Paul Poniŝevski, Leningrad.

## La ĉiama, fiksa kalendaro.

En Kiel, Lorenzenstr. 24, Germanujo, ekzistas la „Unuiĝo por Blochmannia kalendar-reformo". La ideoj kaj celadoj de tiu unuiĝo estas por la lernejoj treege gravaj. Laŭ Gregora kalendaro migras Pasko en sinsekvantaj jaroj inter 22. III. kaj 25. IV. tien kaj tien ĉi. La sekvo estas, ke la lernejjaroj estas tre diferencaj rilate al sia longeco. Tiu diferenco povas ampleksi maksimume 5 semajnojn. Plue sekvas el la migrado de Pasko la malegala interspaco inter Pentekostoj kaj somerferioj. Ofte ankaŭ ĝenas, ke la monatoj ne egalizas, ke la datoj por la semajnotagoj ŝanĝas ktp.

Tiujn malutilaĵojn forigi celas kaj klopodas supre nomita unuiĝo per la reforma kalendaro, elpensita de Dr. inĝ. Rudolf Blochmann. Do plibonigi ĉiujn cirkonstancojn, ankaŭ tiujn de la ekonomio, estas la intenco de tiu vera bonfarema societo. Laŭ la ĉiama, fiksa kalendaro de Blochmann tio nepre estas ebla. Laŭ ĝi estas la jaro longa kiel nun, sed la kvaronjaroj (kvartaloj) fariĝas tute egalaj, havas 91 tagojn kaj komenciĝas ĉiam kun dimanĉo.

La monatoj Jan., Aprilo, Julio kaj Oktobro havas 31 tagojn, ĉiuj ceteraj 30, tamen ĉiuj po 25 labortagoj. La 365-a tago de la jaro estas tute sendependa de iu monato, senlabora tago en la mezo de la jaro kun la nomo „somermeztago". La Pasko ĉiam okazas je la 8. IV., Ĉieliro je la 16. V., Pentekosto je la 25 V., „Soleno de l' Korpo de Kristo" je la 7. VII. La supertago viciĝas kiel memstara tago je la fino de la jaro. Kiel por la lernejo tiel ankaŭ por la ekonomio la fiksa kalendaro havas la plej grandajn avantaĝojn.

Pro tio estas tre rekomendinde, subteni la celadojn de la „Kiela" Unuiĝo, ties prezidanto estas fama eminentulo prof. Dr. Bovensiepen. Mi petas ĉiun kolegon pro nia lernejo, pro Esperanto helpu al la kalendarreform-movado almenaŭ morale, postulante prospektojn esperantajn de tiu unuiĝo, kiu intencas, **per** Esperanto fari mondpropagandon, por sia ideo varbi en la tuta mondo. Ĉar lernejo havas la plej grandan utilon de la proponita fiksa, ĉiama kalendaro — pro tio: Helpu ni la noblajn reformistojn en Kiel!

Ernst Klemm, Chemnitz (Germ.)

## Akcioj

kiuj validas kiel kotizpago por 1928: n-o. 3, Spange; n-o. 6, Neupert; 9 Herrmann; 12 W. Johne; 24 Schumpelt; 27 Wilhelm; 30 Markaŭ; 33 Dieu; 36 Schönherr; 39 Fischer; 42 Pruss; 48 Straube; 51 Giessmann; 54 Widmann; 57 Elten; 60 Jurczyk; 63 Bräuer-Breslau; 66 Schubert; 69 Pfüller 2 M; 72 Klemm-Plauen 3 M; 75 Penndorf 3 M.

La reston ni redonos post repago de sama parto al la aliaj akciuloj, se vi ne destinas ĝin donaco por I. P. R.

Donaco de la tuta akcio por propagandaj celoj kun danko estos akceptata.

Admin.

## Donacoj al I. P. R.

Sekve de nia artikoleto en n-o. 9—10 pri „Akciuloj" donacis al I. P. R. Bräuer-Breslau 1 M; Giessmann-Krefeld 1 M; Schütte-Berlin 10 M; Neupert-Leipzig 5 M de siaj akcioj.

Ni sincere dankas al vi. Tiamaniere ni bonege povos likvidi la akcioentreprenon! Ni ne forgesos rekompenci vin en konvena tempo.

I. P. R.

## Libroj. Broŝuroj. Gazetoj.

**Esperanto Lern- kaj leglibro** por aŭstriaj ĉef- kaj mezlernejoj, de prof. Dr. Casari kaj fakinstruisto Franz Scheibenreiter. I. parto, 64 paĝoj, prezo 2,50 ŝil. aŭstr. — Eldonejo: Hirt und Sohn, Leipzig; librejo R. Foltanek, Wien I., Ballgasse 6. — Bona parola metodo. El la vivo de lernantoj. 2 koloraj, 2 nigraj bildoj. Krom tio la lecionoj (53) estas ilustritaj per 15 gajaj bildoj de la konata desegnisto por infanlibroj, Ernst Kutzer. Ĉar la lecionoj havas nur Esperanto-tekston, ĝi povas esti internacia lernlibro. La nacilingvan vortaron la infanoj mem povas verki dum la kurso.

M. G.

**Esperanto, laŭ la fundamento de Zamenhof:** Kleines Lehrbuch de Arthur Degen. 16.–20 milo, nove prilaborita eldono. Prezo 0,80 gm. Eldonejo Hirt u. Sohn, Leipzig. En 12 lecionoj tre vigla kaj interesa rakonto el la vivo de juna kontoristo. Dua parto montras la ekzercojn ĉerpendajn el la lecionoj de la unua parto. Tria parto donas traduktaskojn por solalernantoj. Abunda materialo estas koncentrigita sur tiujn 48 paĝojn.

M. G.

**La kooperativa movado de konsumantoj en Polio,** germanlingve verkita de Franz Dabrowski, kun 4-paĝa esperanta resumfolio, aperis en la eldonejo de la unuiĝo de konsum-kooperativoj en Polio, Warschau, Mokotow-Grazyny 13. En bonstilaj artikoloj, riĉe ilustritaj, la verkinto raportas pri Polio ĝenerale, pri la komencoj, la strukturo de la kooperativa movado, pri kooperativaj institucioj de ĝenerala karaktero, pri la historio de kooperativa movado ktp.

— ig.

**Gvidlibreto de Wiesbaden,** Germanujo. Ilustrita per 14 bildoj, 18-paĝa, eldonita de la Urba Oficejo por Trafiko en Wiesbaden. Mendu poŝtkarte tiun belan senpagan propagandilon por viaj kursoj!

M. G.

**Semajna bulteno,** eldonita de la **Unuiĝo por Kultura Interligo de Sovetunio kun eksterlando,** Moskaŭ, Malaja Nikitskaja, 6. — Tiu semajna bulteno aperas en rusa, germana, franca kaj angla lingvoj kaj raportas en tre interesaj, bonstile verkitaj, ilustritaj artikoloj pri la kultura vivo kaj evoluo en Sovetunio. Ĉiujn demandojn de interesuloj pri la kultura vivo en Sovetunio respondas la redakcio de la semajna bulteno mem.

— ig.

**Ferdinand Hirt u. Sohn, Leipzig, C 1,** Salomonstr. 15, dissendas 3 ilustritajn kajerojn: Esperanto-, Instru- kaj Leglibroj, Vortaroj, Literatura Informilo 4.

Mendu viajn librojn en la administracio de I. P. R.! Nur tiam la **firmoj** mendas anoncojn en

I. P. R.!

**Presejo: Dr. Karl Pickert, Leitmeritz, Bohemio.**

## Kotizo 1928.

Dum 1927 ni havis 500 membrojn de TAGE kaj 100 nur-abonantojn. La kotizojn por TAGE ni devis uzi — jam 1926 — por I. P. R. Do 500 membroj pagis po 3 germ. m. kaj 100 pagis nur po 2,50 gm por I. P. R. Ni konsideras justa, se ĉiuj pagas 3 gm. Do por 1928 ni ne postulas specialan TAGE-kotizon, sed nur unuecan sumon por I. P. R.

## Korespondado.

SOVET-UNIO: K. M. Smirnov, instruisto, Vjatka, Institut socialnogo perevospitania, deziras interkorespondadi pri edukado de neprizorgitaj kaj krimemaj infanoj.

### TARIFO DE LA ABONPREZOJ.

| Landoj | Prezoj | |
|---|---|---|
| Angla | ŝil. | 4 |
| Argentina | pes. or. | 2 |
| Aŭstria | ŝil. | 5 |
| Belga | belgoj | 5 |
| Brazila | milr. | 5 |
| Bulgara | lev. bulg. | 100 |
| Ĉeĥoslovaka | kron. ĉek. | 25 |
| Dana | kronoj d. | 3 |
| Estona | mark. est. | 300 |
| Finnlanda | mark. finl. | 30 |
| Franca | frankoj fr. | 18 |
| Germana | mark. or. | 3 |
| Greka | drahmoj | 54 |
| Hispana | pesetoj | 4,5 |
| Hungara | kronoj or. | 4 |
| Itala | liroj ital. | 15 |
| Japana | jen. | 1,5 |
| Jugoslava | dinaroj | 40 |
| Litova | lid. | 7,5 |
| Latva | lat. | 4 |
| Nederlanda | gulden. | 2 |
| Norvega | kron. norv. | 3 |
| Pola | zlot. | 6 |
| Portugala | eskud. | 15 |
| Rumana | lev. rum. | 150 |
| Rusa | kop. oraj. | 1,50 |
| Sveda | kron. sv. | 3 |
| Svisa | frank. sv. | 4 |
| Usona | dolaro | 1 |

Abonon por Int. Ped. Revuo sendu en nacia mono per registrita letero plejeble pere de via landa agento al la administrejo.

Membroj de la germana asocio sendu la kotizon (4.— M: 1,— M por la germ. asocio, kaj 3.—M por Int. Ped. Revuo) al ĝirokonto „Esperanto-Vereinigung deutscher Lehrer, Leipzig-Leutsch, No. 27.857", membroj de la saksa asocio al k-go Schönherr, Dresden, ĝiro Dresden 30.560, poŝtĉeko Dresden 112.617.

### AGENTOJ DE TAGE.

**Vian kotizon akceptas.**

**En Landoj**

| | |
|---|---|
| Angla: | F-ino Kate Hancock, 172 Sackville Rd., Hove, Sussex. |
| Belga: | Lab. Esp. Grupo, 24. rue de Sévigné-Anderlecht, Bruxelles. poŝtĉ. 124.801. |
| Blankrusa: | Agentejo Esperanto, D. Snejko, Minsk, Poŝtkesto 33. |
| Bulgara: | Ivan Sarafov, Gabarevo, Kazanlika regiono. |
| Ĉekoslovaka: | Albin Neužil, lernejestro, Olomouc-Neředin. |
| Estona: | Agnes Dresen, Poska tanav 29-6, Tallinn. |
| Finnlanda: | Pârnânen, Sulkava, Lieviska. |
| Franca: | E.Vittecoq, instit. à. Bourville par Fontaine-le-Dun (S. Inf.). |
| Germana: | Goldberg, Frohburgerstr. 68 p. Leipzig-S 3 |
| Greka: | D-ro A. Stamatiadis, Rodou 21, Ateno. |
| Hungara: | Librejo de H. E. S. L. (Bleier Vilmos) Ujpest, Virag-utca 9. |
| Japana: | Joshi H. Ishiguro, Tokio, Koojimachi P. O. Box 1. |
| Jugoslava: | Svetislav S. Petrović, Pirot, Serbio, Novosádska 17. |
| Litova: | A. Prapuolenis, molc., Kazlu-Ruda. |
| Nederlanda: | G. P. de Bruin, Wagelerdw. str. 28 B, Enschede. |
| Pola: | K. Majorkiewicz, Czersk-Pom. poŝtĉeka konto: PKO 202 100 (Poznan). |
| Rusa: | Centra Komitato de Sov. Esperant. Unio (SEU), poŝtkesto 630, Moskvo. |